

# BRAZILA ESPERANTISTO

OFICIALA ORGANO

de "BRAZILA LIGO ESPERANTISTA"

MARTO - 1911 - APRILO

Elirante ĉiumonate — Apparecendo mensalmente

Redakcio--Rua Souza Franco, 13

RIO DE JANEIRO — BRAZILIO



## ENHAVO





## GRUPOJ ESPERANTISTAJ

1906 Marto— «*Suda Stelaro.*» Campinas — Ŝtato S. Paŭlo. Prez. Ingº Tobias R. Leite.

Junio — *Brazila Klubo «Esperanto»*. — Rua Souza Franco, 13.—Rio de Janeiro. Prez. Majoro Lauriano das Trinas.

1907—Majo—*Esperanta Petropolisa Grupo.*— Petropolis. Prez. Dr. Jacome Martins Baggi de Araujo.

Septembro — *Esperanto Klubo* — Aracajú— Ŝtato Sergipe. Prez. D-ro Alcibiades Corrêa Paes.

1908.—Marto—*G. E. de Bom Jardim.*—Ŝtato Rio.—Prez. João Alfredo Desiderio Combat.

Junio.—*Brazila Espero* — (Virina grupo) — Campinas. Ŝtato S. Paulo. Prez. F-ino. Julia Moreira Dias.

1909. Marto—*Esperantistinaro*.— Guaratinguetá. Ŝtato S. Paulo. Prez. F-ino Maria Antonietta Milliet.

Junio. —*Alagôas Esperanto Klubo.* Maceió, Ŝtato Alagoas. Prez. Ingº Antonio Carlos de Arruda Beltrão.

Julio.— *Norda Matena Stelo* — Tamoyos n. 41 B. Belem, Ŝtato Pará. — Prez. D.ro Nuno Baena.

1910. — Julio - *Grupo Esperantista de Juiz de Fora*.—J. Fóra. Ŝtato Minas Geraes. Paulino Bandeira.

Septembro.—*Esperantista Grupo Hernani Mendes*.— S. José dos Campos. Prez. Cassiano R. Leite.

Novembro.— *Grupo Esperantista de Bahia*. Ŝtato Bahia. Prez. Koronelo Deraldo Dias.

1911. — Januaro -- *Societo Esperantista Doktoro Baena*.— Belem Ŝtato Pará. Prez. Dr. João Pedro de Figueiredo.

Ni publikigas nur la nomojn de l'grupoj kiuj aliĝis al B. L. E. aŭ helpis Brazilan Esperantiston.

# BRAZILA LIGO ESPERANTISTA

Unuiĝo kreas forton

A Brazila Ligo Esperantista (Liga Esperantista Brazileira) cuja directoria é annualmente eleita pelo Congresso tem por fim dirigir a propaganda do esperanto no Brazil em questões de interesse geral, proceder a exames de esperanto, dar diplomas de professores, auxiliar os grupos e representar em qualquer emergencia a opinião dos esperantistas brazileiros.

Sede—Rio de Janeiro, rua Souza Franco, 13.

Cotisação annual. Cada grupo que adherir paga 10$ por anno e elege um delegado, de preferencia residente no Rio de Janeiro. Póde o Grupo escolher mais de um pelegado, pagando nessa hypothese, 10$ por cada um.

Qualquer pessoa póde isoladamente adherir á Liga, pagando a annuidade de 5$. Não ha joia.

Vantagens. Os grupos que adherirem á Liga gozarão das seguintes vantagens:

*a*) Recebem o «Brazila Esperantisto» para os socios com abatimento de 20 °/. do preço da assignatura annual;

*b*) Por intermedio dos seus delegados são informados das decisões da Directoria da Liga nas quaes tomam parte;

*c*) Gozam de Abatimento nas edições da Liga e nas encommendas que por meio della fizerem de quaesquer obras esperantistas;

*d*) Recebem da Liga todo o auxilio que esta lhes puder prestar, em beneficio da propaganda e diffusão do esperanto;

*e*) Podem publicar no orgão official da Liga informações mensaes sobre o movimento esperantista local.

Nota.—*A Liga não intervem em assumptos referentes á vida interna dos grupos filiados, podendo estes agir livremente de accordo com os fins para que foram creados.*

Das vantagens *c*, *d* e *e* gozam tambem as pessoas que adherirem isoladamente á Liga, as quaes recebem o «Brazila Esperantisto».

A relação dos grupos filiados e das pessoas que adherirem á Liga será publicada no «Brazila Esperantisto» e no «Brazila Adresaro» a apparecer brevemente.

Chamamos a attenção das directorias dos grupos esperantistas e de todos os bons *samideanoj* maximé os que não fazem parte de grupos locaes, para a conveniencia da adhesão á Liga, conforme os votos emittidos pelos 3· e 4· Congressos Brazileiros de Esperanto.

As pessoas que desejarem adherir á Liga devem dirigir-se ao Sr. Edmundo Tribouillet, thesoureiro, rua Souza Franco, 13. O remettente receberá o cartão de membro da Liga, e o «Brazila Esperantisto.»

Quanto á adhesão dos grupos e demais informações, dirigir-se ao Sr. J. B. Mello Souza, 1· Secretario, rua Souza Franco, 13.

A's Directorias dos Grupos Esperantistas. — O 4· Congresso Brazileiro de Esperanto, reunido em Juiz de Fóra, resolveu dirigir um appello a todos os grupos esperantistas do Brazil para que estes incluam em seus estatutos disposições determinando que todos os socios effectivos e quites recebam o «Brazila Esperantisto» sendo a assignatura paga pelos Grupos, que para tal fim gozarão do abatimento a que têm direito.

BRAZILA LIGO ESPERANTISTA
BOLETIM DE ADHESÃO
1911

*Nome*......................................................

*Profissão*..................................................

*Endereço*..................................................

.............................................................

*Dáta e assignatura*........................................

# BRAZILA ESPERANTISTO

OFICIALA ORGANO

de "BRAZILA LIGO ESPERANTISTA"

3-a. Jaro — MARTO - 1911 - APRILO — Numero 9-10

| JARABONO | Elirante ĉiumonate — Apparecendo mensalmente | Specimeno 0,fr 50(0,Sm20 |
|---|---|---|
| En Brazilio 3$000 | REDAKCIO — RUA SOUZA FRANCO, 13 | Num. avulso 300 réis |
| Eksterlande 5.fr.(2, Sm.) | RIO DE JANEIRO — BRAZILIO | Helpabono 10$000 |


## BRAZILA LIGO ESPERANTISTA

O 4· Congresso Brasileiro de Esperanto tratando, como lhe competia, da eleição da Directoria da B. L. E. resolveu unanimemente, em sua sessão de 23 de abril, re-eleger a directoria cujo mandato findara, composta dos Srs. Eng. Alberto Couto Fernandes, presidente; Prof. João Keating, vice-presidente; J. B. Mello Souza, 1· secretario; Hernani da Motta Mendes, 2· secretario e Edmundo Felix Tribouillet, thesoureiro.

O mesmo Congresso resolveu tambem dirigir um appello a todos os grupos esperantistas do Brazil para que estes incluam nos respectivos estatutos dispositivos determinando que todos os socios recebam o «*Brazila Esperantisto*» cujo pagamento será feito pelos clubs que para tal fim gozarão do abatimento que a Liga lhes concede.

Ao iniciar a direcção da B. L. E. por mais um anno a Directoria espera continuar a merecer o apoio dos grupos filiados e bem assim conta que os demais grupos e todos os bons esperantistas brasileiros a auxiliem com suas adhesões, para que ella possa desempenhar cabalmente as funcções que lhe são attribuidas.

As condições exigidas e as vantagens concedidas aos grupos e pessoas que adherirem são publicadas mensalmente pelo «Brazila Esperantisto». Para essa publicação chamamos a attenção dos nossos samideanos.

B. L. E.

# Kvara Brazila Kongreso
DE
# ESPERANTO
## JUIZ DE FORA 20-23 DE APRILO

Antaŭ du jaroj, raportinte pri nia dua kongreso okazinta en S. Paulo, ni diris: «La brazila esperantistaro rajtas sin nomi laborema». Kaj nun tiu ne diskutebla veraĵo pli klare ankoraŭ fariĝas precipe rilate al niaj fervoraj gesamideanoj de Juiz de Fóra al kies mirinda agemeco ni ŝuldas la neordinaran sukceson atingitan de nia kvara granda kunveno.

Juiz de Fóra estas la plej *klera*, la plej riĉa, la plej laborema urbo de l'vastega ŝtato Minas Geraes. Ĝi bone meritas la titolon «*Princidino de Parahibuna*» kiun la popolo donis al ĝi, kaj ankaŭ tiun «*luksa salono de Minas*» per kiu ĝin baptis Grafo Affonso Celso. Juiz de Fóra kaj la kvara kongreso iĝis por ni neforgeseblaj. La brilantaj festoj, multnombraj kunvenoj, gajaj ekskursoj, gravegaj paroladoj kaj plie la alloganta gastemeco de l'tiea popolo kaj la tre favora helpo de l'tuta gazetaro, ĉio, unuvorte alportis nian triumfon ĉe la Kvara Kongreso. Cu ni estas aŭ ne pravaj tion dirante niaj legantoj mem juĝos, laŭ la jena raporto farota de ni sen multaj detaloj, sed kiel eble plej bone.

Alveno de l'Gekongresanoj. — La 20$^{an}$ de aprilo, per la tagaj vagonaroj, alvenis al Juiz de Fóra multaj geesperantistoj el Palmyra, Barbacena kaj aliaj urboj de l'Ŝtato Minas, sed la plimulto el Rio, S. Paulo, Petropolis kaj aliaj brazilaj urboj alvenis la 11$^{an}$ nokte en specialaj vagonoj, de l'Centra Fervojo. Tiam pli ol mil personoj plenigis la stacidomon kriante «Vivu Esperanto» kaj aklamante Dron. Zamenhof kaj la ĉefajn brazilajn esperantistojn, precipe la Grafon Affonso Celso kaj Dron Sylvio Romero.

La alveno de l'gekongresanoj estis sendube neforgesinda, solena, kortuŝiga afero. Kiam la vagonaro haltis, muzikistaro aŭdigis nian himnon kaj oni eksplodigis en la aero miloj da artfajraĵoj kiuj preskaŭ surdigis nin. La aklamadon oni rekomencis per ankoraŭ pli granda entuziasmo.

Koran Bonvenon! —Post kelkaj minutoj multnombra popolamaso kuniĝinte antaŭ la luksa hotelo *Rio de Janeiro* (kie gastiĝis multaj gekongresanoj) postulis ke la tre ŝatata tiea oratoro Dro. Amanajós de Araujo salutu la alvenintojn. Tial parolis Dro.

Amanajós kiu per belegaj frazoj nin salutis. Sekve parolis la kongresano Dro. Pedro Marques de Almeida, kiu ankaŭ ricevis longan aplaŭdadon.

PREDIKO DE P.º MARINHO.—Je la 21ª matene okazis en la ĉefpregejo solena diservo dum kiu nia fervora samideano Pastro Benedicto Marinho, jam tre fama religia oratoro, eldiris belegan, predikon kiu vere ravigis la aŭdantaron. Dum la meso estis kantita de Snro. R. Beltrão la kanton "Ave-Maria" kun muziko de nia fervora samideano Querino de Oliveira dediĉita al pastro Dro. Marinho.

La gazetaro publikigis resumon de tiu predikon,kiu kaŭzis grandan influon sur la brazilan Katolikaron.

PREPARA KUNSIDO. — Je la 12ª efektiviĝis en Teatro Juiz de Fóra la prepara kunsido, prezidita de Dro. Ataliba Amaral, el la Organiza Komitato. Post la kutima legado de protokoloj oni aklame elektis la jenan kongresan estraron: *Prezidanto* Dro. Eduardo de Menezes (profesoro kaj prezidanto de la Literatura Akademio de Minas); *Vicprezidantoj*, Dro. Haroldo Amaral, el S. Paulo, kaj prof. João Gonçalves, el Barbacena; *Sekretarioj*, Pedro Coutinho, el Rio, Dro. Garcia de Souza, el Pernambuko, Dro. Roberto Beltrão, riprezentanto de Alagoas E. Klubo kaj Fno Klotilde Jaguaribe, el Juiz de Fora.

SOLENA MALFERMA KUNSIDO—Je la 2ª vespere la



Grupo de kongresanoj ĉe la hotelo "Rio de Janeiro". En la mezo sidas la tre konataj verkistoj Dro Sylvio Romero kaj Grafo Affonso Celso.

(Kliŝo de "FON-FON")

Teatron tute plenigis la geesperantistoj kaj invititoj, precipe profesoroj kaj gelernantoj el ĉiuj superaj lernejoj de Juiz de Fora, ĉar estis faronta paroladon la granda literaturisto Sylvio Romero, la Majstro de l'tuta brazila verkistaro.

Dro. Eduardo de Menezes malfermis la kunsidon. Sidiĝis je la ĉefa tablo la kongresa estraro, la riprezentantoj de Sroj Prezidanto de l'Ŝtato, ministro de l'Internaj aferoj de l'Stato, ministroj de Milito, Financoj kaj Publikaj laboroj de l'Respubliko, Sro. Kardinalo Arcoverde, de l'urbestro de Juiz de Fora kaj aliaj eminentuloj.

Tiam aperis inter la ĉeestantaro Dro. Sylvio Romero. Ekvidinte lin ĉiuj leviĝis kaj entuziasme aklamis lin. Dro. Menezes, la prezidanto de l'Kongreso iris al li kaj invitis lin sidiĝi je honora loko, kion li faris meze de longa aplaŭdado.

Antaŭ ol komenci la unuajn salutojn, oni aŭdis stare la himnon *Espero*, kantita de multaj fraŭlinoj kaj ludita de multnombra muzikistaro. Sekve leviĝis Sro. Backheuser, kiu en bela parolado esprimis la bedaŭron de ĉiuj kongresanoj pro la morto de du karegaj samideanoj: Kolonelo João de Deus Mello Souza kaj Paul Berthelot.

SALUTOJ AL LA KONGRESO. Un post alia parolis, salutante la Kongreson, la jenaj delegitoj: José Michulovich, ruso, riprezentanto de l'fremda esperantistaro; Sro. Caetano Coutinho, del. de Grupo *Suda*

*Stelaro* el Campinas; Lauriano das Trinas, el *Brazila Klubo Esperanto*; Kol°. Duarte da Silveira, el la *Petropolisa Grupo*; Honorio Leal, el G. E. de Nictheroy; F[ino] Clotilde Jaguaribe, el G. *Matena Stelo*, de Pará; Dro. Roberto Beltrão, el *Alagoas E. Klubo*; Hernani Mendes, el *G. E. Hernani Mendes*, el S. José dos Campos kaj *Brazila Esperantista Klubo*; Dro. Haroldo Amaral, el *G. E. Espero Katolika* el S. Paulo; Dro. Garcia de Souza, el *Esperantista Pernambuka Ligo*; Fr. ino Mariá Vieira, riprez. de G. E. *Doktoro Baena*, el Pará; Dro. Benjamin Colucci, el *G. E. de Juiz de Fóra*; Dro. Alberto Couto Fernandes, riprez. de *E. K. de Aracajú*.

Krom tio la Kongreso recevis salutojn senditajn per telegramo de Sro. P.° Mathias Freire, el Parahyba; Murillo Furtado, el Rio Grande do Sul; Desiderio Combat, el Bom Jardim, kaj aliaj samideanoj kiuj ne povis ĉeesti la Kongreson. Per leteroj salutis ĝin la Societo de Geografio, de Rio, la Kristana Junula Asocio, la Komercoficista Asocio de Rio de Janeiro, la Rektoro de "Gymnasio Mineiro el Barbacena, k. t. p.

Dro. Couto Fernandes paroladis ankaŭ kiel prezidanto de *Brazila Ligo Esperantista*.

Antaŭ ol fini sian paroladon Dro. Couto Fernandes proponis ke oni aklame elektu honoraj prezidantoj de l'Kongreso la jenajn Srojn: Droj Zamenhof, Sylvio Romero, Grafo Affonso Celso, Dro. Benedicto Marinho kaj Caetano Coutinho.




Grupo de kongresanoj elirantaj el la ĉefpreĝejo post la prediko de Pastro Dro Benedicto Marinho.
(Kliŝo de "FON-FON")

Tiun proponon oni tuj aprobis per surdiga aplaŭdado.

Parolado de Dro Sylvio Romero, La fama brazila filozofo kaj verkisto leviĝis por paroli. La tuta ĉeestantaro de nove aklamis lin, ĉar ĝuste en tiu tago okazis la datreveno de lia naskiĝtago.

La parolado de Dro. Sylvio Roméro, belega pro sia formo kaj enhavo, kaŭzis la plej gravan impreson. La longega, nefinigebla aplaŭdado, kiu post ĝi aŭdiĝis elmontris kiom ĝi plaĉis al ĉiuj. La glora Majstro pruvis per energiaj, nevenkeblaj argumentoj, ke esperanto estas la solvo de urĝa homara problemo, ke tial ĝi neeviteble progresados tra la mondo kaj ke ĉiuj devas kune klopodi por ke tiu baldaŭa triumfo efektiviĝu, Dro. Sylvio Roméro ricevis multajn gratulojn pro sia mirinda parolado kaj estis salutita de Dro. Backheuser kiu parolis je la nomo de l'geesperantistoj. Poste Dro. Menezes fermis la kunsidon kaj ĉarmaj fraŭlinoj de Juiz de Fóra kantis la himnon Espero.

Telegramo de l'Prezidanto de l'Ŝtato — La Prezidanto de l'Ŝtato Minas Geraes sendis al Dro. Amaral de Araujo, prezidanto de la Organiza Komitato, la jenan telegramon: «Bello Horizonte. 21, Kune kun miaj aplaŭdoj mi gratulas la belan entreprenon kiu hodiaŭ kunigas la bra-

zilajn esperantistojn, pro ĝia feliĉa bonsukceso. Ne povante ĉeesti la solenan feston al kiu vi ĝentile min invitis, mi estos tie riprezentita de Dro. Antonio Carlos, la urbestro de Juiz de Fóra. *Bueno Brandão*, Prez. de l'Ŝtato.

FESTO EN KLUBO JUIZ DE FORA. — Nokte preskaŭ ĉiuj gekongresanoj troviĝis en la salonoj de l'grava klubo «Juiz de Fóra» kie okazis bonega balo, kun la ĉeesto de multaj distingindaj familioj.

Ĝi estis vere neforgesebla festo. Oni multe dancis, ludis, deklamis, ktp. Tamen meritas specialan raporton la interesa paroladeto farita de Dro. Backheuser duon-portugale kaj duonesperan te, ĉar tio multe amuzigis la aŭdantaron.

1.a LABORA KUNSIDO. — La 22an matene, okazis ĉe la palaco de *Forum* la 1a labora kunsido, prezidita de Dro. Eduardo Menezes. Estis legitaj multaj salutaj telegramoj senditaj de samideanoj kiuj ne povis ĉeesti la kongreson.

Dro. Couto Fernandes legis longan raporton pri la jaraj laboroj de Brazila Ligo. Poste oni diskutadis la prezentitajn projektojn.

Pri la decidoj de l'kongreso ni raportas aliloke.

DRO. BENEDICTO MARINHO — Por elmontri sian dankemon al la klera pastro Dro. Benedicto Marinho, la gekongresanoj decidis oferi al li tagmanĝon, kiu okazis la 22an en Hotelo Rio de Janeiro.







DRO SYLVIO ROMÉRO

Membro de la Brazila Literatura Akademio, profesoro ĉe Nacia Gimnazio kaj Leĝoscienca Lernejo de Rio de Janeiro

Je la nomo de ĉiuj geesperantistoj parolis Dro. Backheuser salutante Pastron Marinho kiu, dankante, rekonfesis sian entuziasmon je esperanto.

EKSKURSO AL PARKO «WEISS. — Alia neforgesebla festo (ŝajnas ke ĉio pri la kvara estas neforgesebla).. estis la ekskurso al la pentrinda parko «Weiss», unu el la famaj vidindaĵoj de Juiz de Fóra.

En granda aro da specialaj elektraj tramoj forvojaĝis la gekongresanoj kies gajemon kaj entuzismon pligrandigis la muzikistaro kiu iris kune ludante belajn marŝojn. Ĉiuj tramoj estis ornamitaj per esperantaj flagetoj kaj oni kriadis «Vivu Esperanto ! Alveninte en la parkon je la 1a vespere, komenciĝis ĉarma amuzado. Unuj promenadis, aliaj dancis kaj ludis diversmaniere, ĉar tiu parko estas alloga amuzejo.

Subite okazis kuriozaĵo : ekaperis inter la gepromenantoj la rumana vojaĝisto Sro. Franz Behrmann kiu parolas nur germane kaj esperante. Tiel la neesperantistaj promenantoj vidis kiel facile kaj flue la gekongresanoj interparolis kun tiu sinjoro, kiun multe ĝojigis la okazintaĵo.

Dum la ludoj Dro. Amaral de Araujo parol, adis, kiel prezidinto de l'organiza komitato, kaj donacis al F^ino Clotilde Jaguaribe ekzempleron de l'romano «Reĝo de Montoj» de E. About, kiean pl-

esprimo pro la altvalora helpo, kiun la komitato ricevis de tiu agema samideanino.

La geesperantitoj nur revenis el Parko Weiss je la 7ª nokte!

KINEMATOGRAFA FESTO. La estroj de l'grava kinematografejo «Pharol» oferis al la kongresanoj specialan kinematografan kunsidon kiu multe plaĉis al ĉiuj. Meze de la filmoj montritaj, aperis neatendite portreto de Dro. Zamenhof, kiun la ĉeestantoj salutis per longa aklamado.

2ª LABORA KUNSIDO. La 23an matene efektiviĝis en salono de *Forum* la 2ª labora kunsido prezidita de Dro. Eduardo de Menezes.

Post tiu kunsido la prezidanto elektis kelkajn komisiojn kiuj, je la nomo de l'esperantistoj vizitis la redakciojn de l'lokaj ĵurnaloj kaj kelkajn konstruaĵojn de l'urbo, inter kiuj gravaj lernejoj kaj la sidejo de Pafista asocio *Affonso Penna*.

LA ESTRARO DE BRAZILA LIGO. — Kiam oni estis elektonta novan estraron de B. L. E. la kongreso aprobis proponon laŭ kiu estas reelektita la sama estraro, konsistinta el Sroj. Dro. Couto Fernandes, prezidanto; Prof. Keating, vicprez; Mello Souza, 1ª sekretario; Hernani Mendes, 2ª sekretario kaj Tribouillet, kasisto.

DANKESPRIMO AL DRO. ANTONIO CARLOS. — La klera Deputado Dro. Antonio Carlos Ribeiro de Andrade, inda prezidanto de l'Urbestraro de Juiz de Fóra multe helpis la organizintojn de l'kongreso kaj pro lia eminenta ofico tiu helpado iĝis altvalora kaj tre efika por la sukceso de nia rendevuo. Tial, laŭ la deziro de multaj kongresanoj, Dro. Backheuser proponis la jenan dankesprimon unuanime aprobitan de l'kongreso:

Artº. 1ª Brazila Ligo Esperantista akiros portreton de Dro. Antonio Carlos kaj havos ĝin en la honora salono de sia sidejo;

Artº. 2ª Tiu sinjoro ricevos la titolon de «Bonfarinto» de Esperanto en Brazillando;

Artº. 3ª La kongreso tuj elektos specialan komision kiu je ĝia nomo vizitos Dro. Antonio Carlos kaj sciigos lin pri tiu ĉi propono». Por viziti Dron. Antonio Carlos oni elektis la jenan komision: Sroj Backheuser, Paulino Bandeira, Amaral de Araujo kaj Couto Fernandes Bedaŭrinde nia Bonfarinto ne povis, pro neatendita malsano, ĉeesti niajn kunsidojn kaj festojn.

ALIAJ DECIDOJ DE L'KONGRESO. — La kongreso decidis, krom tio, la jenon:

Elekti Dron. Benjamin Colucci riprezentanto de l'brazila esperantistaro ĉe la 7ª Internacia kongreso, okazonta en Antverpeno; Danki la organizan komitaton, kaj speciale Srojn. Paulino Bandeira kaj Joaquim Nascimento pro iliaj klopodoj dank'al kiuj la kongreso trafis tiel grandan sukceson; Elekti Rio de Janeiron sidejo de la kvina kongreso; sendi salutan telegramon al nia glora majstro Dro. Zamenhof;

Peti ke ĉiuj esp. aj grupoj devigu siajn anojn aboni «*Brazilan Esperantiston*» kaj ke pri tio enmetu specialan artikolon en siajn regularojn;

Danki la gazetojn, asociojn kaj lernejon kiuj sendis specialajn riprezentantojn al la Kongreso;

La kongreso aprobis ankaŭ aliajn decidojn pri kiuj ni parolos oportune.

PRI LA PREMIO DONACITA DE LIBREJO «PSYCHICA». La tre konata librejo kaj eldonejo «Psychica» el Rio donace sendis oran medalon por ke la kongreso donu ĝin kiel premion, al la aŭtoro de l'plej bona esperanta verkaĵo kiu estus plenuminta certajn kondiĉojn.

Laŭ tiuj kondiĉoj nur unu verko ekzistis; ĝi estis la ĵus aperinta «Methodo Theorico e Pratico» verkita de Sro. Honorio Rivereto.

Tial la kongreso decidis proponi al la donacinto ke oni malfermu konkurson kun pli longa templimo, por ke aliaj verkistoj prezentiĝu. La 1ª venkanto ricevos la medalon donacitan de l'Librejo Psychica» kaj B. L. E. kreos aliajn premiojn.

EKSKURSOJ. — Post tiu kunsido la geesperantistoj disiĝis en kelkaj grupoj kaj gviditaj de siaj gastemaj kaj afablaj samideanoj de Juiz de Fóra faris gajajn ekskursojn tra nia tiama *Esperantujo*, kiu estas ne la *ĉefurbo*, sed la *ĉefa urbo* de l'ŝtato Minas Geraes.

ALVENO DE GRAFO AFFONSO CELSO. Je tagmezo multaj geesperantistoj iris al la stacidomo de l'Centra Fervojo por atendi nian fervoran samideanon Sro. Grafo Affonso Celso. Inter ili troviĝis Dro. Sylvio Roméro, kaj la estraro de l'Kongreso.

Kiam la vagonaro kiu kunportis la Grafon alvenis, oni entuziasme aklamis lin. Poste ĉiuj lin akompanis al Hotelo Rio de Janeiro, kie la kongresa komitato gastigis lin.

SOLENA FESTO. La lasta solena festo de l'kongreso okazis la 23an ĉe la bela Teatro, *Juiz de Fóra*, je la 8ª nokte. La Teatro, mirinde ornamita per floraj girlandoj, verdaj palmfolioj, lumaj steloj kaj multaj esperantaj flagoj tiel pleniĝis ke oni povus prave diri (laŭ popola dirmaniero) ke ne estis loko *eĉ por unu pinglokapeto*. La plej notindaj kleruloj kaj eminentulaj familioj de Juiz de Fóra ĉeestis.

Post la aŭdado de nia himno kantita de l'fraŭlinoj kaj ludita de l'muzikistaro «*Euterpe*» komenciĝis la kunveno, sub la prezido de Dro. Menezes, apud kiu sidis Droj. Amaral de Araujo, Backheuser kaj la fama brazila verkisto Grafo Affonso Celso, kiu estis faronta la ferman paroladon.

Unue parolis Dro. Venancio Silva, kiu dankis la urbon de Juiz de Fora pro ĝia gastemo je ni; Dro. Backheuser, kiu elmontris la dankemon kiu por ĉiam troviĝos ĉe la koro de l'gekongresanoj de la kvara; kaj Dro. Benjamin Colucci kiu respondis je la nomo de l'samideanoj de Juiz de Fóra.

FERMO DE L'KONGRESO PAROLADO DE GRAFO AFFONSO CELSO—Tiam Dro. Eduardo de Menezes diris ke li estis fermonta la Kongreson sed la *ora ŝlosilo* estus la parolado farota de la granda kaj de ĉiuj amata brazila literaturisto Grafo Affonso Celso.

Longa aplaŭdado aŭdiĝis kiam tiu Akade

miano komencis paroladi. Lia mirinda saĝeco kaj elokventeco ravigis ĉiujn. Kiam li finis bruiga aklamado salutis lin. Lia parolado estis ne nur ĉarma literaturaĵo, sed aro da gravaj konsiloj, pensoj kaj originalaj ideoj per kiuj li denove publike konfesis sian entuziasmon je nia afero.

Koncerto. Internacia marŝo. —Sekviĝis bonega koncerto en kiu partoprenis la geartistoj S-ino Menezes, F-inoj Eugenia Braga, Klotilde Jaguaribe, Sroj. Duque Bicalho kaj Hernani Mendes. Ĉiuj merits la aplaŭdojn, kiujn ili ricevis pro la lerteco de ilia ludado.

La belega solenaĵo finiĝis per la jam tre ŝatata Internacia Marŝo de Eustorgio Wanderley ĉarme kantita de l'ĝentilaj knabinetoj el «*Grupo Escolar Mariano Procopio*» direktita de Profesorinoj Francisca Lopes, Izaltina Bastos kaj Carolina Kascher. Jen la nomoj de l'knabinoj:

Esperanto: Ottilia Schäfer; angla lingvo: Olegardina Schäfer; franca: Alda Vaz; portugala: Francisca de Oliveira; rusa: Maria Carlota Cohanier; japoneza: Jovita Rodrigues; germana: Evangelina Cohanier; Itala: Christina de Assis; hispana: Maria José dos Santos.

Ankoraŭ sub la neforgesebla impreso kaŭzita de tiu marŝo, kiu estis vera belegaĵo, ĉiuj foriris el la teatro bedaŭrante kiel mallonge daŭris la festoj de l'Kvara.

## KONGRESAJ INFORMOJ

La ekspozicio.—Dum la kongreso estis videbla ĉe l'Palaco de Forum interesa ekspozicio de esperantaĵoj, aranĝita de B. L. E. kun la helpo de l'samideanoj de Juiz de Fóra.

La kongreso kaj la estraro.—De nove nia estraro sin montris favora al ni. Ĝi oferis al la kongresanoj specialajn vagonojn de l'Centra Fervojo kaj ordonis ke la telegrafa interkorespondado de l'kongreso kaj ĝiaj delegitoj en ĉiuj ŝtatoj estu senpaga. Krom tio preskaŭ ĉiuj Ministroj sendis riprezentantojn al la Kongreso. Tion ankaŭ faris la Prezidanto de l'ŝtato Minas Geraes laŭ ni jam raportis. La urbestraro de Juiz de Fóra donacis al la organi a Komitato helpan monsumon.

La Kongreso kaj la gazetaro. — La tuta gazetaro raportis tre favore pri la Kongreso, precipe la ĵurnaloj de Juiz de Fóra: *Jornal do Commercio* kaj *Pharol*.

*Jornal do Commercio*, grava ĉiutaga ĵurnalo, dum la kongresaj tagoj dediĉis sian unuan paĝon nur al Esperanto. Ĝi publikigis bonegajn artikolojn, statistikojn, poeziojn kaj portretojn de l'plej notindaj brazilaj esperantistoj. Aliloke ni represas la belan artikolon «Koran Bonvenon» kiun ĝi aperigis en esperanto je la alveno de l'gekongresanoj. Riprezentis ĝin ĉe la Kougreso ĝia klera redaktoro Sro. Franklin Jeñz.

*O Pharol* dank'al la favoremeco de ĝia estro, Sro. Costabile, ankaŭ aperigis multajn artikolojn, portretojn k. t. p. krom la detalaj scigoj pri niaj kunvenoj kaj festoj.

*Correio da Manhã*, el Rio, unu el la ĉefaj brazilaj ĵurnaloj, sendis Sron. Ozorio Dutra, sia redaktoro, por ĉeesti la tutan Kongreson. *Diario de Noticias*, *A Noticia*, el Rio. kaj *Gazeta do Povo* el S. Paulo havis ankaŭ riprezentantojn.

Dank'al niaj delegitoj en la ŝtatoj la informoj pri l'kongreso, senditaj per telegramoj, rapide diskoniĝis tra la tuta Respubliko, ĉar la ĉefaj ĵurnaloj de l'ŝtataj ĉefurboj publikigis ilin.

Delegitoj de l'Kongreso. — Niaj laboremaj delegitoj en la ŝtatoj estis la jenaj: Dro. Nuno Baena, en Pará; Benjamin Mello, en Maranhão; Dro. Oliveira Bello, en Piauhy; Moacyr Caminha en Ceará; Pastro Mathias Freire, en Parahyba; Eustorgio Wanderley, en Pernambuko; Dro. Arruda Beltrão, en Alagoas, Dro. Alcibiades Paes, en Sergipe, Dro. Magnus Sondhall, en Bahia; Sro. Araujo Primo, en Espirito Santo; Haroldo Amaral, en S. Paulo (ĉefurbo) Tobias Leite en S. Paulo (Campinas). Sro. Nero Senna en São Paulo (Guaratinguetá): Sro. Cassiano Leite en S. Paulo, (S. José dos Campos); Sro. Leopoldo Pereira, no Paraná; Sro. Alfredo Goeldner en Santa Catharina; Murillo Furtado kaj Arno Ernst en Rio Grande do Sul; Antonio Perillo, en Goyaz; Sro. Lindolpho Cuyabano, en Matto Grosso; Sro. Mello Souza, en Minas (Barbacena) kaj Sro. Alceu Novaes, en Minas (Uberaba).

La Organiza Komitato. — Ni ne povas fini tiun ĉi raportan antaŭ ol paroli pri la organizintoj de tiu *neforgesebla* Kongreso. Ili estis Dro. Amaral de Araujo, vicprezidanto de B. K. E. Hernani Mendes, la agema sekretario de *Brazila Ligo*; Joaquim Nascimento kaj Paulino Bandeira el *G. E. de Juiz de Fóra*. Ĉiuj multe laboris, sendube, sed precipe la du laste cititaj, la komitatanoj loĝantaj en Juiz de Fóra, altiris nian senfinan dankemon. Niaj karegaj amikoj Paulino Bandeira kaj Joaquim Nascimento estis vere nelaciĝeblaj en siaj laboroj por la Kvara. Tial ni, certe, neniam forgesos ke nian triumfon en Juiz de Fóra ni ŝuldas al ili kaj al la fervoraj helpantoj kiujn ili varbis—Fraŭlinoj Clotilde Jaguaribe, kaj Mariá Vieira, novaj profesorinoj, Dro. Benjamin Colucci, la klera junulo kiu nin riprezentos en la 7ª Internacia Kongreso, Dro. Eduardo de Menezes, estimatega literaturisto, kaj aliaj, al kiuj ni tutkore dankas

Ĝis la revido!—Jen ni alvenis al la fino! Jen ni reprenas la vagonaron kiu nin fortiros el Juiz de Fóra... Malbenita vagonaro! Jen ni diras lastajn adiaŭojn al niaj tieaj gesamideanoj... «*Ĝis la revido!*» ĉiuj kriadis. Jes, jes karegaj geamikoj, ni esperas vin ĉiujn tie ĉi, en la vastega Rio. Prepariĝu vi, prepariĝu ĉiuj brazilaj esperantistoj por ĉeesti la Kvinan!

Kaj jen la vagonaro kiu rapide malsupremiras la montaron kunportante nin, kies korojn jam premegas dolĉaj rememoroj de la neforgesebla Kvara...

J. B. M. S.

## EXPLICAÇÃO NECESSARIA

Era nossa intenção publicar os retratos dos Drs. Conde de Affonso Celso, Sylvio Romero, P. Benedicto Marinho e Eduardo de Menezes dedicando assim este numero do B. E. exclusivamente ao nosso 4· Congresso de Esperanto. Tal não nos foi possivel, porem, devido á demora da remessa dos respectivos *clichés*; pelo que resolvemos publicar no proximo numero os que recebemos com atrazo, bem como outras photographias e artigos referentes ao mesmo Congresso.



## DATREVENO

(El Alvares de Azevedo)

Mia fratino.—Ĉe via naskiĝa datreveno, kion vi volas, ke mi diru al vi?

Ke la naskiĝotagoj de la virgulino estas kvazaŭ la matenoj de l'floroj? kaj ke, en la matenruĝo de l'vivo, floroj kaj fraŭlinoj, trembrilaj de la roso de Dio, havas pli da ĉasteco kaj parfumo? Ne.

Mi nur diros al vi ĉi tion:—ke tie, en Rio, estas eble bona afero, ke oni vidas sian propran naskiĝan datrevenon. En vespero printempa kaj esperoplena, kiam oni vivas kaj sin sentas vivi, kredeble estas dolĉe senti, ke, kvazaŭ sonĝo, pasis unu jaro plue, jaro da saŭdado kaj feliĉo.

Ĉi-tie ne okazas tiel same. La ĉielo havas nebulojn, la tero ne havas verdaĵon, la vesperoj ne havas parfumon. Tio estas mizera! Estas propre por tedi homon dum ali tuta vivo, ke li nur vidas rubojn. Ĉio ŝajnas tie ĉi malnova kaj centjara... eĉ la fraŭlinoj! Ili estas enuigaj, kiel la maljuneco mem.

La 12ª de Septembro estas alvenonta. Tiun ĉi fojon, mi preskaŭ ne janĝos.

Adiaŭ, mia fratino! La nova paĝo de l'vivo, kiu malfermiĝis hodiaŭ, estu tiel feliĉa, kiel tiu, kiu fermiĝis hieraŭ. La tago estu bela, kiel la saŭdado estas dolĉega.

Adiaŭ!

Tio ĉi estas la vorto, kiun, el la ruiniĝantaj dometoj de nia patrujo, sendas al vi.

VIA FRATO

Tradukis: Dro Alcibiades C. Paes.

# *Koran Bonvenon!*

—

Al vi, kleraj kaj laboremaj geesperantistoj, kiuj nun venas en nian urbon partopreni en la 4ª. Brazila Kongreso de Esperanto, ni, je la nomo de la gastema kaj progresema Juiz de Fóra, eldiras la plej koran, la plej sinceran, la plej amikan bonvenon.

Nian saluton al vi, senlacaj probatalantoj! Nian saluton al vi, per kies mirinda laboro tiu utila kaj belsona Lingvo Internacia faras tra la vastega Brazilio tiel notindan progreson. Vi apartenas al tiu granda multnombra armeo, kiu brave kondukas tra la tuta mondo la verdan standardon de Esperanto. Certe, ni scias, multaj baroj malebligis al vi la vojon, sed tiel bela estas la idealo celita, tiel nobla la intenco de viaj klopodoj, tiel nevenkebla la forto kaj obstino, kiujn vi elmontras, ke--ankaŭ pri tio ni estas certaj--via fina triumfo estos baldaŭ glore atingita. Tiam la modestaj nomoj de l'nunaj esperantistoj estos rememorataj laŭ ili rajtas, kiel veraj bonfarintoj de l'Homaro.

Bonvenon al vi, kleraj geesperantistoj. Ke via laborado estu kiel eble plej efika inter ni! Ke vi ricevu en nia urbo la plej agrablajn impresojn! Ke via 4ª. Kongreso estu brila kaj fruktodona venko—jen nia deziro.

( El la numero de l' 21ª. de Aprilo de "Jornal do Commercio" tre grava ĉiutaga ĵurnalo de Juiz de Fóra ).

---

# LA PLEJ BONAJ SPICOJ

*Alvenis en Sparton riĉulo athena,*
*Amiko de plado bonega kaj plena,*
*Kaj al la komuna tagmanĝo spartana*
*Akceptis inviton kun sento plezura;*
*Gustumis kuleron da supo terura*
*Kaj diris al la prezidant' likurgana:*

*«Amiko, mi pro l'gastemeco vin dankas,*
*Sed petas, rimarku, ke spicoj ĉi mankas*
*En ti telero, el kiu mi manĝas.*
*Bonvolu do la kuiriston admoni,*
*Ke ĉiam li devas la spicojn aldoni*
*Tuj, kiam li ian manĝaĵon aranĝas».*

*La estro respondis: "Amiko, eksciu*
*Kutimo en Sparto ĉi estas, ke ĉiu*
*Kunportu kun si la nacian spicaĵon:*
*Naturan malsaton kaj kontentemecon.*
*Se uzus vi ankaŭ da sama nur pecon,*
*Vi trovus tre bona eĉ nian manĝaĵon."*

FRANCISCO VALDOMIRO LORENZ

